WIKIPEDIA

# Joruba lingvo




Kelkaj afrikaj lingvoj interalie la **joruba lingvo**.

La **joruba lingvo** (jorube : *yorùbá*) estas tona lingvo kiu apartenas al la niĝerkonga lingvaro. Ĝi estas parolata de ĉirkaŭ dudek kvin milionoj da homoj en Niĝerio, kie ĝi estas unu el la tri naciaj lingvoj, sed ankaŭ en kelkaj regionoj de Benino kaj de Togolando. Ĝi konsistas el multaj diversaj dialektoj. Tamen, ekzistas norma formo de la lingvo.

| Joruba *yorùbá* | |
|---|---|
| Parlata en | Niĝerio, Benino, Togolando |
| Nombro de parolantoj | ~ 25 milionoj |
| Tipologio | Izolema lingvo |
| **Lingvistika klasifiko:** | |
| Niĝerkonga lingvaro<br>▪ Atlantik-konga<br>▪ Voltakonga<br>▪ Benuekonga<br>▪ Defoida<br>(Klasifiko SIL (http://www.ethnologue.com/family_index.asp) - simpligita) | |
| **Oficiala statuso kaj lingvaj kodoj** | |
| Oficiala lingvo en | Niĝerio |
| ISO 639-1 | yo |
| ISO 639-2 | yor |
| ISO/DIS 639-3 | yor |
| SIL | YOR |

Ĝi estas ankaŭ religie uzata en Brazilo en Kandombleo.

Laŭ lingvistoj, ĝi klasifikiĝas aŭ en la kvaa lingvaro aŭ en la benuekonga lingvaro.

La fama negra esperantista preleganto Kola Ajayi devenis el regiono, kie oni parolis la joruban lingvon.

## Enhavo



## Skribo

### Alfabeto

La joruba uzas la latinan alfabeton kun kelkaj diakrititaj literoj kaj unu duliteraĵo. Ĉiu signo funkcias kiel grafemo sendependa. La joruba alfabeto estas subaro de la tut-Niĝeria alfabeto :

- majuksloj : A B D E Ẹ (E̩) F G GB H I J K L M N O Ọ (O̩) P R S Ṣ (S̩) T U W Y ;
- minuskloj : a b d e ẹ (e̩) f g gb h i j k l m n o ọ (o̩) p r s ṣ (s̩) t u w y.

La literoj prononciĝas kvazaŭ kiel en la Internacia Fonetika Alfabeto. Notu la uzon de la subskribata vertikala linio (aŭ punkto) por la vastaj vokaloj (ankaŭ kun, laŭ tradicia analizo, movado de la langoradiko malantaŭen) *ẹ* (*e̩*) = [ɛ̩], *ọ* (*o̩*) = [ɔ̩] kaj por [ʃ], skribata *ṣ* (*s̩*). La duliteraĵon *gb* oni skribas por la lip-vela plozivo g͡b (kiu prononciĝas per unu sola movado kaj ne kiel kombino de [ɡ] kaj [b]).

### Diakritaj signoj

Ekzistas tri diakritaj signoj por esprimi la tonojn de la lingvo: la dekstra korno (*ó*, alta tono), la maldekstra korno (*ò*, malalta tono) kaj la superlinio (*ō*, mezalta tono). Tiu ĉi lasta formo ĝenerale ne estas uzata (oni tial legas vokalon sen diakrita signo kiel vokalon kun superlinio). Eĉ estas literoj kun du diakritaj signoj, ekz. *ẹ́* kaj *ọ̀*.

Kelkfoje kombinoj de tonoj prononciĝas kiel ŝanĝiĝantaj tonoj. Tiuokaze oni povas skribi haĉekon (*ǒ*) por la altiĝanta tono (malalta → alta) kaj tildon (*õ*) por la aliaj. En aktuala uzado, anstataŭ haĉekojn kaj tildojn oni iam uzas duliteraĵojn: *ǒ* = *òó*, *õ* = òó aŭ *ōò* (t.e. *oò*), laŭokaze.

Plue, la nazaloj povas vokaliĝi, kaj ili ricevas la samajn tonsignojn, ekz. *ḿ* kaj *m̀*.

# Aliaĵoj

Krom ke la joruba havas kompleksan tonsistemon, ĝi ankaŭ havas sistemon de vokala harmonio. Ĝia morfologio riĉegas, kun ekz. ofta uzado de duobligo.

# Ekzemploj

| Vorto | Traduko |
|---|---|
| tero | aiyé |
| ĉielo | ọrun |
| akvo | omi |
| fajro | ina |
| viro | ọkrùnrin |
| virino | obìnrin |
| manĝi | jẹ |
| trinki | mu |
| granda | nlà |
| malgranda | kékeré |
| nokto | òru |
| tago | ọjọ |

# Eksteraj ligiloj

- esperante Informoj pri la Joruba lingvo (https://uea.org/vikio/kategorio:Joruba_lingvo) en la vikio de UEA (https://uea.org/vikio/Ĉefpaĝo)
- Joruba versio de Vikipedio (https://yo.wikipedia.org)




# Aliaj projektoj

# Vidu ankaŭ

- Lingvistiko
- Listo de lingvoj